III Jaro. ★ XXXII Num.

AŬGUSTO-SEPTEMBRO.—1919

★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-: :-: :-: :-: de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„



S-RO ROBERTO MARAURY
Kuracisto, Farmaciisto, Komerca Profesoro
kaj Doganoficisto
Delegito de U. E. A. en Huesca

## BALDAŬ LA MONDON REGOS ESPERANTO!

Ĉar homo kreskas, malgrandiĝas Tero,
ĉar krekas pli kaj pli la homa povo
laŭ ĉia progresado kaj eltrovo,
laŭ ĉia nova kono de la Vero.

Li faligas vualojn de mistero,
li, reĝ' de materio kaj de movo,
per rezonad', eksperiment' kaj provo
ĉian naturan forton igas pero.

L' antaŭe malproksima kontinento
kaj la malproksimega gent' fremdlanda
nun apudestas; nun la vojaĝanto
pli rapide vojaĝas ol la vento...

Baldaŭ estos la Ter' urbo malgranda;
baldaŭ la Mondon regos Esperanto!

*Rafael de San Millán*

# KASTILJIO

### ROMANCOJ

### II

### BORDOJ DE LA DUERO SUPREN...

La remparo de *Zamora*, plej malsupren, dekstren, la delikata valo de *Valorio*. La rivero *Duero* lekas la grizajn terojn de Portugalio. Tien, malproksimen kaj orienten, post la antikva pregejo de *Santiago*, kvazaŭ sur la domaĉoj el sabla ŝtono facilrompebla, la makulo helblua de la unuaj montoj portugalaj: Falanta roso el nebulo, densa kaj delikata pluveto, nebulo apud la rivero. Sur la ponto ŝajnas stari romana turo, vere staranranta apude, kaj plej malproksimen, plej malproksimen, sur la altajoj de la kvartalo *Santa Lucía*, alteniĝas la graciaj kupoloj bizantinaj de *San Salvador*.

*Zamora*, lando de romancoj kaj kantoj de *Sanabria* (ĉefurbeto karakterizanta regioneton); tero malriĉa, nefruktodona kaj malvarma! *Zamora* havas silenton muzikan, silenton cimbalan kun asonancoj el Romancaro (*Romancero* poeziaro popola).

*Bordoj de la Duero supren...* Du zamoranoj rajdas apud la patro *Duero*; verdaj estas iliaj devizoj, brunflavaj la ĉevaloj. Multvaloraj estas la spadoj de la rajdantoj, poluritaj kaj flekseblaj; ledŝildoj ŝirmas la trunkojn de la kavaliroj. El arĝento estas la bridingoj. Tien iras -deklivsupren—rapidaj kiel hundoj. Harditaj, fortaj, timigantaj estas niaj barbuloj, niaj konatoj. Tien, apud kruco staranta sur la vojo, ili haltas arogante por rigardadi la tendon de *Don Sancho (Sanĉo*, reĝo de Kastiljio sieĝanta *Zamora'n)*. Paroloj eliras el iliaj buŝoj kvazaŭ sagoj; neniam humiliĝis la du kavaliroj de *Zamora:*

Kaj post iom longa paŭzo,
diris kun fier'mieno:
—Jen ni estas du por du
el kastiljiaj nobeloj,
kiuj povos batali;
por doni klaran komprenon
al vi, per la venko nia,
ne agas kavalire reĝo
elpreni el *Doña Urraca (Urraka*, fratino de *Sancho)*
la ŝian patran heredon!!!

Kaj la Romancaro daŭrigas sian mirindan mallaŭdon faman. Du, tri, kvar, kvin, kvincent; sengrava estas por la du kavaliroj la nombro da malamikoj. Ne batalontaj kontraŭ la *Cid'o* (famega kavaliro) kaj *Don Sancho*, la zamoranoj batalos kontraŭ Satano men. Ĉiam en la arenoj estis venkintoj la patro kaj la filo, la du konatoj. Dum la sieĝo de la urbo ili batalis kontraŭ sep samtempe. Ili faligis ses el sep, kaj tial ke la sepa forkuris el armiloj de *Arias* (patro kaj filo),

ili la haroj de l' barboj
turmentigas per elpreno.

La batalintoj revenas al la urbo.

—Al *Zamor'* kaj ĝiaj stratoj,
al la urb', fil', ni revenos;
rimarku de la virinoj
por ni ilian atenton!!!

Tien, supren la pordeto de la remparo, do fenestro de la palaco, fenestro el tiuj de fa-

ŝadó al *Valorio*. *Doña Urraca* rigardadas kortuŝe la junulon. Figuro, kiel tiu de li, kiun ŝi kredis malaperinta el sia rememoro, ĵus vundis ŝian korinternaĵon delikatan. Ha *Rodrigo, Rodrigo!...* (La fratino de la reĝo amas *Rodrigon*, kiun oni alnomis *Cid'*). De la alia flanko de la tendo, *mio Cid' (mia Cid'o)*, nescianta tiajn okazintaĵojn, adiaŭas kurieron kaj lian sekvantaron al sia mastrino *Doña Ximena (Ĥimena)*, portantan trutojn de *La Puebla* kaj vinberarojn de *Toro* por ŝi, kiu restis tie, en teroj de Burgoso, sopiranta je li.

LA CUBERNIESTRO DE FLORENCIA

En la *Madrida* areno ĝoje oni ludas lancojn. Kiam venis la kavaliro de la urbo de l' Arno al la *Madrida* areno? Kial forlasis ĝiajn valojn, ĝiajn ĝardenojn, ĝiajn termurojn kun cipresoj, la balkonon de *Sankta Niniato* kaj la ĉarmon de *Fiéscole*—ripozo kaj bonodoreco—la kavaliro de *Toscana*?

Tute per moj nuancita,
deviz' timiganta la mondon,

la nobelulinoj penadas koni la signifon de la devizo, kiun montras la italo kun maŭraj tuniko kaj mantelo. Ĉu *Morte, Amore...?* Kion volas diri la moj? Ĉu ĉefliteron de virinnomo? Kiun virinon? Ĉu amikinon, senkorulinon, mortintinon, vivantan perfidulinon, tiun kiu pro li eble sopiras dum printempaj noktoj, tie, en la ĝardenoj de *Pitti*, tiun vidantan kiel fendas la ĉielon la pinto de la turo de la guberniestrejo?

Mistera kavaliro, vere la guberniestro de *Florencia*. Neniam li atentas pri rigardoj de belulinoj. Li rajdas sur saltema ĉevalo,

—longaj kolharar' kaj vosto—,

aŭdas sonorojn de milittrumpetoj kaj tamburoj, rompas gaje kaj lerte en la aero la ludlancojn, preparas la bataleton kaj sin pretigas lancovundi taŭron elirontan je la momento de la eliro.

Kiel se nur devus eliri
taŭr' kun granda furiozo,
por simila heroaĵo,
tiel ĝi eliras, kaj montro
estas la vost' tordigita,
pri ĝia tre sovaĝa povo.

La guberniestro levas la brakon por vundi; la taŭro mallevas la kapon por ataki kaj eligas kraĉaĵojn pro furiozeco; la nobelulinoj aplaŭdas la gracian kaj arogantan sintenadon de la italo. Ĉu lia blazono? Kian sekretan doloron kaŝas la ridetanta vizaĝo de la kavaliro? Kial de tiel malproksime venis, en fremdan landon, lancovundi kaj faligi taŭrojn la kavaliro de la devizo kun tri moj?

Hispane verkis,
*José Sánchez Rojas*

Tradukis *J. M. Rosenörn*

---

# Kiu estas mia Revo

Antaŭ ol montri mian ravan celon,
Lasu min voki la Dinaskintinon,
Kiu gloregė regas la ĉielon,
Ŝi priskribados mian revantinon.

Glora, revinda, plena je ĉasteco,
Plej dolĉanima, de Di' elektata,
Virta kaj milda, ujo de pieco,
Kaj de l' anĝeloj ĉiam protektata.

Nepre virtema, kiel rozo pura,
Sankta amema, ĉarma kiel saĝo,
Ĉiam plaĉema, kaj supernatura
Graco ripozas sur ŝia vizaĝo.

Estas pli brila ŝi, ol brila suno,
Estas pli ruĝa, ol ruĝa dianto,
Estas pli bela, ol belega luno,
Estas pli blanka, ol blanka lekanto.

Se la konvalo ian vorton dirus,
Kaj la jazmeno ian senton sendus,
Mi estas certa, ke la dua mirus,
Kaj la unua hontege forplendus.

Oferdonema, rozvangjunulino,
Ambrulegaanta ĝardeno de virtoj,
Digracplenkora deksesjarulino,
Virga lilio kronata per mirtoj.

En ŝia korpo regos la pureco,
El ŝia koro bluokulrigardo
Montras la virton, kaj ŝia sankteco
Ĉion parfumas, kiel pura nardo.

Graco ĉirkaŭas ŝian eksteraĵon,
El ŝia buŝo la Diam' eliras,
Ŝiaj lipetoj igas mirindaĵon,
Ŝiaj okuloj l' animon altiras.

Anĝelanima bluflamokulino,
Vangruĝvizaĝa, kaj plena je revo,
Ĉiam belega ĉarmbrunharulino,
Ŝi havas kolon ravan, kiel mevo.

Neniam vidos vi sub la ĉielo,
Junan belecon tiel laŭdeginda,
Ŝin ĉiam ami estas mia celo,
Ĉar ŝia amo estas ameginda.

Glora Reĝino de ĉiuj Anĝeloj,
Virga Patrino Ŝi de l' Homo-Dio.
Estas por ni sendita de l' ĉieloj,
Kaj ŝia nomo «L' Anunciacio».

*Pastro Mariano Mojado.*

# La sonorilo de Huesca (Ueska)

La aragona reĝo *Alfonso I.ª* la Batalanta, ne havinta idaron, testamentis sian tronon al la Kavaliroj de l' Templo, Kavaliroj Hospitalistoj kaj kavaliroj de l' Sankta Tombo; sed Aragonanoj, kunsidinte en Borja (Borĥa), je 1131, proponis la tronon por la sola frato de la mortinta reĝo kaj proklamis lin reĝo, kvankam li, *Don Ramiro*, estis en tiu dato monaĥo en la monaĥejo de *San Ponce de Tomeras* apud Narbono.

*Ramiro* rifuzis humile unue, sed fine akceptis.

Sed la Kavaliroj kaj potencaj nobeloj de la lando konstante malhelpis la regadon de la eksmonaĥo, kiun ili alnomis moke «Kapuĉa Reĝo».

La konstanta intrigado kaj malhelpado konfuzigis la Reĝon, kiu, ne sciante kion fari, decidis sin turni al la abato de sia monaĥejo petante je li konsilon.

Kiam kuriero transdonis parole la reĝan peton al la monakestro, tiu ĉi, post atenta aŭskultado, tute silente (ĉar al tiuj monaĥoj estas malpermesite paroli) prenis vergeton, eniris en ĝardenon kaj komencis eltranĉi per vergetbato la plej altkreskajn belajn florojn...

La kuriero reveninta al la palaco kaj ne kompreninta agon de la monaĥestro rakontis al la reĝo tion kion li vidis.

Post kelkaj tagoj, *Ramiro* invitis la nobelulojn por vidi sonorilon kies sonorojn oni aŭdos de ĉie.

La reĝo, kompreninta la konsilon de la abato, alvenigis la plej ribelemajn nobelojn al ĉambro en kiu atendis ilin, unun post la alia, pastro kaj ekzekutisto, kaj ĉi tiu, post konfeso, faligis iliajn kapojn kaj la lasta ekzekutota aŭdas de la reĝo ke kapo lia·estos la sonorilbatilo. La kapoj de *Lope Ferrench de Luna, Rui Jiménez de Luna, Pedro Martínez de Luna, Fernando de Luna, Gómez de Luna, Ferriz de Lizana, Pedro de Bergua, Gil de Atrosillo, Miguel de Azlor, Pedro Cornel, García de Vidaura, Ramón de Foces, García de la Peña, Pedro de Luesia* kaj de *Ordas*. La legendo diras, ke episkopo malpacema rimarkinta manki sonorilbatilo, antaŭ terugitaj nobeloj invititaj, alparolis arogante al la reĝo:

«Sed ĝi sonorbatilon ne havos!»
—Tial, vian la buĉisto hakos!—

respondis la reĝo, kaj efektive tiel okazis.

Neniam plu, la nobelaro malpaciĝis kaj kiam la reĝo havis heredontinon de nove monaĥiĝis je 1137.

*M. Luisa G. Caamaño*

Huesca.

NOTO.—La legendo inspiris pentriston Casado del Alisal kiu pentris rimarkindan pentraĵon, konservata en la Madrida Muzeo por Moderna Stilo.



ĈAMBRO «LA SONORILO DE HUESCA»

# La Kastelo de LOARRE

Ĉi tiu kastelo estas antikva kaj interesega fortikaĵo kuŝanta apud la urbeto nomiganta ĝin, 30 kilometrojn malproksime de HUESCA.

Sur la supro de abrupta monto, same kiel nesto de agloj, ĝia rolo dum la pasintaj epokoj estis grava kiel terura fortikaĵo defenda.

De la arĥitektura vidpunkto, la konstruaĵo estas belega specimeno de la roman-bizantina stilo. Ĝia 172 metra perimetro entenas dekunu masivajn turojn fortikajn; dika estas la remparo, vasta la korto nomata de la armiloj; la ĉefturo de la fideljuro staras pli alta ol la tuta konstruaĵo; ĝi havas preĝejon kaj subterajn koridorojn.

Ankoraŭ oni povas admiri belajn skulptaĵojn kaj arĥitekturajn detalaĵojn de la kastelo: rimarkindajn fenestrojn duarkajn, skulptitan kolonaron, kapitelojn, apsidon konstruitan ĉe la ŝtonego de la monto mem.

Iam, dum longa antikveco la fortikaĵo verŝajne estis *castro* (primitiva fortikaĵo), kies restaĵoj ankoraŭ estas videblaj ne malproksime de la loko okupita de *Calagurris Julia* (1), urbo de la antikvaj *ilergetanoj* el ibera gento.

Iom post iom, gotaj kaj arabaj okupantoj plibonigis kaj plifortikigis ĝin.

La aragona reĝo *Don Sancho Ramirez*, venkinte la mahometanojn, rekonstruis kaj plifortikigis ĝin post la almilito kaj de tiam ĝi utilis kontraŭ la maŭroj mem. La almilito okazis je 1065; kaj dum lia regado la konstruaĵo estis kastelo, reĝa palaco kaj monaĥejo. La 18.an de Oktobro de 1070, Papo Aleksandro la II.a donis dokumenton rajtigantan *Don Sancho'n* fondi la monaĥejon en la kastelo mem, dokumenton atestantan esti la kastelpreĝejo la ĉefa el Aragono, kaj nomantan ĝin Reĝa kapelo.

Laŭ legendo, pravigita de atesto de iuj kronikistoj, en tiu ĉi kastelo la maŭroj malliberigis kaj entombigis la famkonatan Grafon *Don Julián*, kiu perfide helpis la mahometanojn invadi Hispanujon je 711.

Dum la militoj okazintaj pro rajtoj diskutitaj pri heredo de la aragona trono, mortinta *Don Martin el Humano*, la kastelo plenumis historian rolon ĉar estis ĉefa bastiono de la partianoj de la Grafo de Urgel pretendanta la tronon, partianoj komandataj de *Don Antonio de Luna*.

*Roberto Maraury*

Huesca.

(1) Ankaŭ estis nomata *Calagurris* la nuna *Calahorra*.

---

Oni petas por ĉi tiu revuo raporteton ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro *Julio Mangada Rosenörn*, Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.º 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.

---

## Komitato por Komuna Komerca Lingvo

Oni jus starigis en Usono ĉi tiun Komitaton. Antaŭe S-ro James F. Morton sin turnis al delegitoj de U. E. A. en diversaj partoj de la mondo petante ilian helpon por la entrepreno: La helpantoj estos pagataj de la firmoj profitantaj servojn siajn.

Per tiu ĉi entrepreno oni celas provi al komercistoj kaj industriistoj ke Esperanto estas vera helplingvo. Multeokaze certe la servoj postulos la helpon de neesperantistoj, kiuj konscios pri Esperanto kaj konvinkiĝos pri ĝia utileco, kaj tial ke ili estos pagitaj ili interesiĝos pli kaj pli kaj esperantiĝos.

Kapablaj esperantistoj sin turnu al tiu «Komitato» por esti korespondantoj kaj altiri la atenton de komercistoj industriistoj, inĝenieroj, k. c., k. c. Adreso: S-ro James F. Morton, 211 West 138 th St., New-York, N. Y.

# Alvoko adresita al estroj de l' venkintoj

Moŝta sinjoro:

«Federacio Esperantista Levantina», kiu konsistas el pli ol dudekkvin grupoj sidantaj en la ĉefaj urboj el orientaj hispanaj provincoj, havas la honoron sin turni al vi, kun respektplena miro, per jena skribpeto petéganta ke vi bonvolu konsideri la neordinaran gravecon kaj senliman bonon, kiun supozus por la celo de ni defendata la oficiala alpreno, flanke de la Ligo de Nacioj, de la internacia helplingvo ŝuldata al la geniulo Doktoro Zamenhof.

Grandegaj utilo kaj bonfaro de ĉi-tiu helpa idiomo estas ja sensignifaj kompare kun tio, kion ni, la disciploj, nomas *interna ideo de Esperanto*, tiu glorinda ideo, kies filozofaj principoj diskonigis antaŭ ĉiaj gentoj la propagandaj pioniroj de tiu nekomparebla interkomunikilo por klarigi al ili la nemezureblan profiton alportotan al homaro de la oficialigo de elpensaĵo, pri kies bezono urĝa kaj nepra ne sukcesis konvinkiĝi ankoraŭ niaj blindaj kontraŭuloj.

Tamen, la unika rimedo por atingi sinceran kaj memstaran reĝformon de paco kaj amo inter la popoloj loĝantaj la terŝelon, estus la disvastigo de neŭtrala idiomo, kiu, estante nenies propraĵo, apartenus al ĉiuj Ŝtatoj, ĉar tiel, forpelitaj la kolerigoj kaj monopolo de iaj nacioj, naskigantaj kaŝitan malamon kaj suspektemon, la ceteraj ĉesus sin konsideri postmetataj senfine en la monda koncerto.

Legu, moŝta sinjoro, nian Esperantistan Himnon, kaj se vi meditas pri ĝiaj strofoj, tie vi trovos mirige densigite la spiriton de sinofero kaj la veran homaran doktrinon, kies bazoj, de vi proklamataj per la sindonemo kaj bondeziroj ĉe vi hejmaj, meritigis vin je la aklamado kaj obeemo de la tuta civilizita mondo.

Treege bedaŭrinde estus ke via kolosa penado restus subordigita en ĝiaj konsekvencoj kaj rezultatoj pro la senskrupuleco de la potenculoj, kaj nia Himno konkretiganta la plej purajn esencojn de via saĝa penso povus deveni la flago, kies konstanta flirtado enigus la necesan konfidon en tiujn, kiuj senĉese sopiras por ke ne perdiĝu viaj penadoj celantaj havigi al la generacioj ne interrompeblan pacon.

Nur tiel estas atingota la ĉiama regado de reciproka respekto kaj la ĉiesa submetiĝo al etika fundamento, kiu sugestiis al vi alporti vian volon je la servo de la imperio de la rajto, la justeco kaj protektado de malfortaj popoloj.

Valencio (Hispanio) la 11.an de Majo 1919.a

La Presidanto, *Andrés Piñó* — La Sekretario, *Manuel Caplliure*

# Grava entrepreno de Esperanto

## EN GERMANAŬSTRIO

Tuj post eksplodo de la mondmilito ĉesis ankaŭ en la tiama ŝtato Aŭstrio la ĝis tiu tempo jam grandan sukceson akirinta Esperanto movado. Ĉiuj grupoj en Wien kaj en la provincurboj nuligis sian agadon. En la ĉefurbo Wien kunvenis regule nur kelkaj personoj, kvazaŭ gardantoj de la entirita standardo de nia sankta afero. Sed post finiĝo de la terura milito baldaŭ montriĝis, ke ankaŭ ĉe ni ne mortis la ideo. Apenaŭ venis pli trankvilaj tagoj, la anaro iom post iom kolektiĝis, rekomenciĝis unuiĝaj kunvenoj, kursoj, propaganda agado kaj eĉ bone sukcesintaj amuzadvesperoj.

Ankaŭ en la nova respubliko *Germanaŭstrio* la movado revigliĝis kaj speciale en Wien, Graz kaj Innsbruck laboras la grupoj fervore, por restarigi la antaŭmilitan prosperadon.

Tamen la plej grava afero, pri kiu la germanaŭstria esperantistaro povas raporti, estas jena. La 21.an de Junio ĉ. j. estis fondita en Wien grava entrepreno por Esperanto, nome *Verlag Nova Tempo G. m. B. H.* (Eldonejo Nova Tempo, asocio kun limigita garantio.) La asocio celas eldoni esperanto-



KASTELO DE LOARRE.—Fenestro en la ŝtuparo al ĝardeno de la Reĝino

gazeton, librojn kaj propagandilojn kiel ankaŭ verkojn kun diversa kulturcelada enhavo kaj internacia valoro, speciale de eminentaj aŭtoroj, kiuj simpatias kun nia movado.

La enpagita kapitalo de la asocio atingis la sumon da 30.000 Kronoj, kio nepre superis la atenditan sukceson de la propon intoj.

Unu el la ĉefaj taskoj de la asocio estas reaperigi la gazeton, kiu ĝis fino de la jaro 1914.ª estis eldonita sub la titolo «Germanaŭstria Esperantisto» kaj gajnis por si jam multajn amikojn. La gazeto aperos en Oktobro sub la titolo «Nova Tempo» kaj ni esperas ke ĝi estos korege salutata ankaŭ de multegaj samideanoj en eksterlando; tiom pli, ĉar ĝi daŭrigos la programon de sia antaŭulo, estonte neŭtrala, enhavoriĉa kaj en perfekta Esperanto skribata revuo.

La *redakcio de Nova Tempo en Wien I. Tuchlauben* 18 II, petas jam nun ĉiujn eldonistojn de Esperanto-gazetoj kaj verkoj bonvole sendi al ĝi interŝanĝe, respektive por recenzo siajn eldonitaĵojn (po du ekzempleroj). Samtempe ni petas raportojn pri interesaj aferoj el la Esperanto-movado eksterlanda. Ankaŭ perfektaj tradukaĵoj de bonaj literaturaj verkoj, aŭ originalaĵoj estos volonte akceptataj.

Ni ne dubas ke Esperanto, kiun la kvarjara sanga batalado ne povis pereigi kaj kiu post kvazaŭ vintraj ventegoj denove ekfloras, baldaŭ ankaŭ atingos sian celon de l' tuthomara interkompreniĝo. Kiom dependas de ni, ni per ĉiuj niaj fortoj volas helpi, ke tio efektiviĝu. Wien en Julio 1919.ª

*La estraro de la asocio Nova Tempo*

---

# EDIFANTA HISTORIO

Loĝantoj de iu itala vilaĝo posedis mulon, kiu estis necesa por la tuta vilaĝanaro. La vilaĝanoj interkonsentis, ke tiu, ĉe kiu la mulo laboros, estas devigata ĝin nutri.

Kiam la mulo alvenis al la nuna kamparano, tiu ekopiniis, ke ĝi estos bonege nutrita la sekvantan tagon kaj li men ne bezonas ĝin nutri; kaj li nenion donis al ĝi. La dua kamparano ekpensis, ke hieraŭ la mulo bonege certe satmanĝis, kaj morgaŭ oni ĝin nutros aliloke, sekve estas tute senbezone manĝigi ĝin hodiaŭ; tiel fariĝis. La tria kampulo opiniis, ke la stomaka troŝarĝo povas malutili la mulon kaj li ankaŭ donis al ĝi nenion. La kvara supozis, ke neniel povas malutili restigi la mulon dum unu tago sennutre, same agas la kvina kamparano kaj ĉe la sesa la mulo falis teren, kiel ŝtipo...

Tiel pereis tiu utila estaĵo.

La anekdoto, ŝajne eksterordinara, ripetiĝas, bedaŭrinde, eĉ tre ofte ĉe la redakcioj de niaj esperantaj gazetoj. Kiom da abonantoj pensas: «ĉi tiuj miaj kelkaj spesmiloj signifas nenion por la redakcio, ja la aliaj pagos», kaj ili ne sendas la monon ŝuldatan por la gazeto.

Tiel pensas kaj agas multo kaj la mankoj altiĝas kun la tempo tiom, ke la redakcio (devigita pagi paperon, presadon kaj poŝtton) fine ne povas ekzisti kaj—la gazeto, kvankam utila - pereas.

Edifaĵo el la suprecitita estas; ke oni devas neprokrasti la transsendon de l' mono, kaj ne senkulpigi sin, ke la aliaj certege sendis l' abonpagon—do unu abonpago malpli ne multe malutilos la redakcion, ĉar pro simila rezonado, la gazetoj ne povas disvolviĝi kaj perfektiĝi kaj ofte ĉesas ekzisti. Ĉiu leganto devas abonatan gazeton pagi en la difinita tempo senatende, ĉar ĉiu malfruiĝo kaj prokrasto subfosas la ekzistadon de nia gazetaro.

*W. Janczurowicz*

El «Esperantista Voĉo».

Feliĉe por HISPANA ESPERANTISTO *tre malmultaj* ĝiaj subtenantoj prokrastas sian pagon kaj kiuj prokrastis ĝin estas fidindaj kaj entuziasmaj, tial ankoraŭ ne venis por nia revuo okazo kiel priskribita de S-ro Janczurowiez kaj nur ni atentigas gelegantojn pri la graveco de tiu priskribitaĵo.



KASTELO DE LOARRE.—Ŝtuparo al la Kapelo

# BIBLIOGRAFIO

«Religio kaj Scienco laŭ la lumo de la Bahaja Rivelajo» estas broŝuro 32 p. de J. E. Esslemont, M. B., bone verkita kaj tre interesa, eldonita de la B. E. A., Londono. Prezo: 6 pencoj.

«Angla kaj Esperanta Etimologio», broŝuro 18 p., de Charles G. Stuart-Menteh, eldonita de B. E. A., Londono. Esperante-angle.

«La Bulgara Lando kaj Popolo» de H. Krestanov, libro 128 p. kun etnografia karto, priskribanta la bulgarajn landon kaj popolon de la vidpunktoj politika, geografia; historia k. c., ŝajnas ke la verkisto deziras montri Bulgarion ne tiel kiel ĝin konsideras multaj el ni pro ĝia milito kontraŭ Serbio kaj Grekio unue kaj pro ĝia partopreno dum la tutmonda; ŝajnas esti celo de la verkisto senkulpigi Bulgaran popolon montrante ĝin al ni laborema, inteligenta, bonkora, cedema, honesta k. c., por ke oni rekonu ĝian grandanimecon kaj virtecon.

Laŭdinda estas la bondeziro de la verkisto, sed ni neŭtralaj, ne volas opinii pri liaj diroj kaj konkludoj.

«Méthode de Stenographie Espérantiste et de Stenographie Française» de P. Flageul, direktoro de la gazeto «Komerco per Esperanto». Broŝuro 32 p. Prezo 1,50 fr. Nur al francoj kaj al tiuj kiuj parolas francan lingvon, povas esti utila por skribi francan kaj esperantan lingvojn per la sama sistemo

GAZETOJ RICEVITAJ

«Le Monde Esperantiste», Junio-Julio. 1919.
«La Eklezia Revuo». Julio, 1919.
«Brazila Esperantisto», Aprilo-Junio, 1919.
«Esperantista Voĉo». Marto Aprilo, 1919.
«Komerco per Esperanto». Aŭgusto, 1919.
«Bulteno de la Kataluna Esperantista Federacio», Julio Agosto, 1919.
«Nederlanda Katsliko». Julio kaj Aŭgusto.
«The British Esperantist». Julio kaj Aŭgusto
«Esperanto» de U. E. A. Julio.
«France-Esperanto». Majo-Junio.
«The Esperanto Monthly». Julio.
«Le Travailleur Esperantiste». Aŭgusto kaj Septembro.
«Esperanto» (Bahía Blanca). Julio.
«Itala Esperantisto». Aprilo Julio.
«Literaturo». Aprilo-Junio. Trimonata Gazeto Esperantista eldonita de Brita Literatura ka Debata Societo.

---

Estas kolektoj de 1917 kaj 1918 po KVIN pesetoj (Du spesmiloj) ĉiu kolekto. Oni akceptas respondkuponojn

---

# ESPERANTA MOVADO

HISPANIO

*Barcelono.*—La Grupo «Paco kaj Amo», dum ĝenerala kunsido la 6.an de Julio, elektis la jenan komitaton: S-ron Sebastián Alberich, Prezidanto; S-ron Jozefo Rocafull, Vicprezidanto; S-ron Jozefo Roig Camps, Sekretario; S-ron Marachs Torrente; Vicsekretario; S-ron Bohigas Ferran, Kasisto; S-ron Ludoviko Domenech, Kalkulisto; S-ron Karolo Segura, Bibliotekisto: S-ron Jozefo Mestres, Jozefo Escandell, Eduardo Raimundi kaj Dominiko Albert, Voĉdonantoj.

Oni interkonsentis eldoni tuj broŝuron por propagandi Esperanton kaj mendi la tekston al unu el niaj entuziasmaj kaj nelaciheblaj samideanoj.

Okaze de la 32.a datreveno de la apero de unua lernolibro esperanta, «Paco kaj Amo» aranĝis feston kun festeno ĉe la urbeto Sardañola. Unuanime voĉdonis sendi tutkoran saluton al la tutmonda esperantistaro, esprimi sinceran doloron pro mortigitoj de la kruela milito sovaĝa kaj decidi ĉian helpon por progresigi nian lingvon karan, vera kaj efika malaperigilo de malamo reciproka.

La Grupo «Nova Sento», la 19.an de Julio, okaze de vizito de S ro Marian Sola, entuziasma kaj sperta pioniro de nia idealo, por fari propagandon pri la Kongreso de K.E.F. en Manlleu, kaj pro lia interesa parolado elokventa, aranĝis festenon je lia honoro.

*Huesca.*—S-ro Roberto Maraŭry, sperta kaj tre entuziasma esperantisto, preparas gravan propagandon por kaj pro Esperanto. Baldaŭ aperos sur jurnalo artikoloj pri Esperanto kaj je la komenco de la nova labortempo li malfermos kurson. Dum la nova

jaro Esperanto almilitos ĉi tiun urbon kaj Jaca'n, tial Aragona Federacio Esperanta kalkulos novajn esperantistojn.



POLIO

*Lodz.*—Lodza Esp. Societo, Dluga Nr. 90, aranĝas la 22.an de Novembro 1919 leter' kaj poŝtkartvesperon. L. kaj P, estas atendataj el ĉiuj landoj. Ĉiuj sbribajoj estas respondotaj.

Okazis funebra vespero por honorigi la memoron de nia Majstro en la salonoj de artpentristoj. Malfermis la vesperon s-ano A Seiler petante la ĉeestantojn leviĝi de la lokoj. S-ano D-ro Helman en pola kaj Esperanta lingvoj parolis pri la verko de D-ro Zamenhof. Sekvis deklamo: «Je memoro de nia Majstro» bonege verkita de Fel. Hilier kaj deklamita de s-anino L. Feliks. Ĉe l' fino s ano H. Zimmerman havis sukcesplenan paroladon pri D-ro Zamenhof. La funebra vespero estis bone vizitita kaj la loka gazetaro aperigis notojn.

Ĉe la Societo funkcias nun du grupoj: unu en pola kaj dua en germana instrulingvo.

Oni fondis Literaturan kaj Bibliotekan Komisionojn, kiuj vigle komencis labori.

Laŭ iniciativo de la Societo inter la ĵurnaloj en ĉiuj kafejoj kaj manĝejoj ankaŭ estas metitaj esper. ĵurnaloj.

Pro la alveturo en nian urbon de angloj, francoj, belgoj kaj aliaj eksterlandanoj la L. E. S. pendigis en ĉiuj hoteloj, manĝejoj plaketojn sur kiuj estas montrita la adreso de la Societo. La samo oni intencas fari en ĉiuj stacidomoj kaj poŝtejo.

Okazis ĝenerala jarkunveno de membroj de Lodza Esperanto Societo. El la jarraporto oni vidas, ke la Societo multon faris por antaŭenpuŝi nian movadon en la urbo kaj en provinco. La Societo kalkulas nun 300 membrojn kaj kelkcent kursanojn. La biblioteko «Zamenhof» posedas 500 librojn. En la lasta jaro estis gviditaj 7 grupoj: 5 en pola instrulingvo kaj 2 en germana. Estis aranĝitaj 6 senpagaj propagandaj vesperoj kaj unu ĝardenamuzo, kiu donis moralan kaj materialan profiton. Por kunteni la gesamideanojn estis somere aranĝitaj ekskursoj, kiuj multe helpis al popularigo de Esperanto. En Februaro okazis granda unua en Lodz publika Esperanto-ekspozicio, kiu daŭris 4 tagojn. Por tiu ekspozicio la Estraro de L. E. S. venigis ĉiujn medalojn kaj insignojn de D-ro Zamenhof, ĉe la ekspozicio estis aranĝita «Varba kaj informa fako», kie oni akceptis aliĝojn por la kursoj. La ekspozicion vizitis 700 personoj. Ĉiuj lokaj gazetoj bone favoras al nia ideo precipe «Neue Ledzer Zeitung» kiu ĉiudimanĉe aperigas «Esperanto Angulon». En la nova estraro estis elektitaj: prez. Zimmerman; v. p. A. Seiler; Sekretariato, F. Vakaman kaj J. Ĥimoviĉ; Bibliotek. H. Kriŝtel, kaj Komitatanoj: H. Hmielinski, S-ino P. Rosental, D-ro D. Helman, O. Berman, F. Hiller, J. Sapiro kaj J. Zys.

Oni intencas fondi en *Lodz* kaj najbaraj regionoj «Komercan Oficejon por Esperanto» sub la prezido de S-ro J. Ĥimoviĉ. Aperis artikoloj en loka gazetaro de tiu S-ro pri Ĉefeĉ, Ligo de Nacioj, Esperanto kaj pri la tutmonda esperanta movado.

ALVOKO!

Samidano Feliks Hiller el Lodz verkis kaj komponis antaŭ jaro du originalajn operetojn sub titoloj: «Ho, tiuj fremduloj!» kaj «La Vilaĝprincino» kaj ankaŭ diversajn Esperanto-kantojn kun muziko. Bedaurinde pro la terure altaj preskostoj en Polio la eldonado de operetoj kaj kantoj estis ĝis nun tute neebla, malgraŭ ilia aprobo de Prof. Marie Hankel, Ant. Grabowski, L. Belmont, red. Salo Grenkamp-Kornfeld kaj nia loka teatra recenzanto sam. H. Zimmermann.

Dezirante nuntempe, kiam la baroj inter popoloj forestas, kun helpo de eksterlandaj Samideanoj eldoni la du unuajn Esperanto-operetojn, mi turnas min al Vi, karaj Samideanoj, kun varmega peto, helpi al mi en tiu entrepreno!

La aperigo de unua opereto en Esperanto povas esti, laŭ mia opinio, bonega propa-

gandilo por nia kara lingvo, ĉar ĝi montros al la vasta publiko, ke oni en Esperanto ne nur paroli kaj legi, sed ankaŭ kanti kaj ridi povas!

Samideanoj! Kiu do el Vi estas preta etendi al mi la manon, ĉu materiale aŭ morale, skribu senprokraste al mi laŭ suba adreso: J. Ĥimoviĉ - Raportanto por Eksterlandaj gazetoj. Dluga Nr. 90-Lodz.



BOHEMIO

En ĉi tiu jus renaskiĝinta nacio la Esperanta movado promesas grandan sukceson laŭ leteroj kaj poŝtkartoj ekvizitantaj nin.



GERMANIO

Kvankam ankoraŭ normalaj vivcirkonstancoj ne restariĝis ni scias per leteroj kaj poŝtkartoj ricevitaj de ni, ke germanaj esperantistoj de nove laboradas entuziasme por triumfigi Esperanton.

★



BELGIO

Je la liberiĝo de la patrujo, Novembro 1918, restis de la florinta movado belga nur 2 centroj, Verviers kaj Gent. En ĉi tiuj urboj, kiel aliloke, la ekzistintaj grupoj, estis haltigintaj ĉian agadon, sed fervorularo estis gin rekomencinta. Tiel fondiĝis en Verviers «Inter ni» (rue Biolley, 23); en Gent, «La Progreso» (Kvophandelsplaats, 11); en Ledeberg, apud Gent, «La Tagiĝo» (Voornitgangplaats, 20), kiuj kun «La Espero» de Gendbrugge, ankaŭ apud Gent, revivigis Esperanton.

Nun aliaj grupoj reeklaboris post unua kunveno de la «Belga Ligo Esperantista», okazinta en Bruselo antaŭ kelkaj semajnoj.

Oni ankaŭ estas fondanta en Belgio fakon de la «Komitato por komuna komerca lingvo».

Io pruvanta ke nia movado ankoraŭ ne estas konata, estas, ke la jarlibro de U. E. A. 1919, montras nenion pri niaj grupoj, neniun ekzistantan. *M. Somerling.*

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la LITERLUDO: DRON' - NORD' - DORN' - ROND'

Solvo de la HIEROGLIFO: (N-OK-TO-LAM-PO) NOKTOLAMPO.

Sendis la solvojn: S-roj Rodríguez kaj Naranjo el Madrido kaj Jerezo respektive, tiun de la literludo, S-ro G. Fernández el Madrido.

## VORTLUDO

| | | | |
|---|---|---|---|
| SUFIKSO | INTERJEKCIO | PRONOMO | **Sciigi.** |
| INTERJEKCIO | PREFIKSO | PRONOMO | **Perdi memoron.** |
| PRONOMO | PRONOMO | VOKALO | **Komisio.** |

Metante en ĉiun ĉelon la esprimitan vorteton, oni povos legi *horizontalen* kaj *vertikalen* la tri vortojn esprimitajn dekstre.

## HIEROGLIFO




Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). – Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanio) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8, Madrid.—Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

A. Tomás Iglesias deziras korespondadi kun hispana samideano, sperta esperantisto, por perfektigi konon de la lingvo. Adreso: Compañía Industrial de Cereales, Apartado, 41.—*Santander.*

Aleksandro Mora; strato Serrano, 4, 1.° *Tarrasa* (Barcelona-Hispanio).—Volonte korespondades kun ĉiulandaj gesamideanoj, Ĉiam tuj respondos.

La gelernantoj de Portugala Esperantista Asocio Socialista deziras korespondadi esperante kun ĉiulandanoj per I. P. K. Adresu la unuan P, K. al profesoro, S-ro Jozefo Pires Barreira, R. de S. Marcal, 60.—*Lisbono.*

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. i. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

S-ro Diego Aznar.—Str. Canalejas, CUEVAS (Almería).—Deziras karespondadi kun japanaj kaj hindaj gesamideanoj poŝtkarte aŭ letere, precipe pri popolmoroj.

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanio), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid